PENSEO

N-ro 147

Jan./2004

Monata Beletra Revueto en Esperanto

Honorita de Premio Grabowski,1994

Fondita en 1990; Enretigita en 1997 la 14-a jaro http://www.elerno.net/penseo.htm

## Feliĉan Novjaron al Niaj Legantoj ! Red.

## Novjara Mesaĝo

karaj legantoj,

Kiel flugas la tempo! Nia revueto jam transpasis la sojlon de sia 14-jariĝo. Retrorigardante la vojon iritan de penseanoj, ni sentas kaj ĝojon kaj fieron, ĉar ni daŭre marŝas antaŭen, surtretante obstaklojn kaj malfacilojn. Ne facile! Ni ne povas imagi, kiel fartus nia revueto, se ne apogo de legantoj venus al ni. Nun mi, en la nomo de "ni", esprimu mil dankojn al niaj persistaj subtenantoj, precipe el Ĉinio. Novjare, ni vidos la okaziĝon de 89-a UK en Ĉinio. Kiel ĉinaj esp-istoj, ni devas klopodi por sukcesigi la Kongreson. Nia redakcio planas dediĉi la julian numeron al Pekina Kongreso. Ni sincere esperas, ke niaj legantoj faru celebrajn kontribuojn. Antaŭdankon!

Vejdo

## Nova Espero

—dediĉe al Zamenhofa Festo

Vejdo



Jen ankoraŭ iras nova sento,
Sur Interneto sonas forta voko;
Blovas plue l' verda forta vento,
Esp-o soras de la baza loko.

Por homaro pacon soifanta
Ĝi prezentos novan familion,
de la mond' senĉese militanta
tiros homojn jen en harmonion.

Por ke realiĝu la espero
Daŭre luktas ĝiaj batalantoj;
Por ke progresadu la afero
Konas ne laciĝon esperantoj.

Kvankam staras muroj de miljaroj
Ni popoloj restas dividitaj,
Jam decidis salti ni trans baroj,
Spite al karnkorpoj disbatitaj.

Sen ŝanĝado de la fundemento,
Konfidante unu la alian,
Ni samideanoj en konsento
Kreos la etoson familian.

Nia persistanta kolegaro
Por la idealo ne laciĝos,
Penas je la bono de l' homaro
Ĝis la verda plan' efektiviĝos.

** ** **

## Neforgesebla Kunloĝado

**Kane Yu**

En la 25-26a de oktobro okazis esperantista kunloĝado en urbo Huangshi. Pro longa distanco inter la du urboj mi kaj sinjoro Xie Kui decidis pliantaŭigi nian veturon por ĝustatempe partopreni.

Tagmeze de la 24a ni ekveturis aŭtobuse. La veturo daŭris pli ol 5 horojn. Dum la veturado ni multe babilis pri la vorto"kunloĝado", pri kiu samideanoj multe diskutis lastatempe enrete. Ni babilis ankaŭ pri urbo Huangshi,

kiu ŝajnis iom sankta en mia memoro. En la okdekaj jaroj de la pasinta jarcento oni kulturis tie kelkdek milojn da esperantistoj pere de Koresponda Esperanta Lernejo. Kaj ankaŭ de tie venis esperantista pioniro, sinjoro Deng Huijin al nia urbo Jingzhou, kaj ĝuste de tiam ekaktivis Esperanta movado en nia urbo.

Pro trafika akcidento sur la ŝoseo nia aŭtobuso devigite haltis tri horojn. Je la 9a nokte ni finfine atingis la urbon. Elaŭtobusiĝinte ni trovis sinjoron Begonio okulvitritan kaj inteligentan, kiu atendis nin jam pli ol tri horojn. En la aŭtobuso al nia celloko, tetrinkejo "Ne Disiĝo Sen Renkontiĝo" ni gaje parolis Esperanton. Iu fraŭlino sidanta apud ni zorgeme aŭskultis nian interparolon, kaj finfine demandis min, "Ĉu vi parolis la korean?" "Ne, ni parolis Esperanton," mi respondis ĉine.

Kiam ni atingis la trinkejon, kie jam atendis nin sinjorino Zhou Taohua, posedantino de la tetrinkejo kaj prezidantino de Huangshi-a E-asocio, kaj lokaj samideanoj. La gastigantino tuj regalis nin per bonodora teo. Poste Begonio kaj alia samideano kondukis nin al gastejo, kie ni estis tranoktiĝontaj. Kvankam la veturo iom estis laciga, ni ne deziris perdi ŝancon por babili. Mi proponis bieron, kiu neniam mankeblas al viroj por ĝojiga babilado. Sidante en malgranda butiko, ni ĝoje babilis en nia komuna lingvo Esperanto. Jam estis profunda nokto, kiam finiĝis nia drinkado. Sciiĝinte, ke la hejmo de sinjoro Begonio estas malproksima de tie, ni invitis lin tranoktiĝi kune kun ni. Ni kunigis du mallarĝajn litojn en larĝan, por ke ni tri povu dormi kune. Matene mi ŝercis kun Begonio, "Ni ja sukcese kunloĝis! Ĉu kunloĝado ne signifas, ke homoj dormas kune?"

La inaŭguro okazis posttagmeze de la 25-a. En trinkejo, ĝuante teon kaj babilante kun lokaj samideanoj, ni atendis la alvenon de samideanoj el urbo Wuhan. Aŭdinte la konatan vorton "saluton", mi vidis amason da samideanoj. Inter ili mi facile rekonis la samideanojn, kiujn mi ankoraŭ ne renkontis persone, tamen kies fotoj surretaj estas konataj al mi. Jen dika Weishan, jen erudicia Trigo kaj eleganta Hu Xu. Tuj en la salono ŝvebis Esperantaj paroloj, ja E-etoso!

Post tagmanĝo okaziĝis inaŭguro en restoracio "Familio Sur Akvo". Tio, kio tute surprizis min, estis tiuj kelneroj de la restoracio, kiuj eĉ salutis nin en flua Esperanto, kiam ni atingis tien. Dum la kunveno ĉiuj samideanoj prezentis sin esperante. Kaj sinjoro Hu Guozhu faris prelegon. La kunveno daŭris kelkajn horojn en ĝoja etoso. Vespere gastigantoj preparis abundajn manĝaĵojn. Samedeanoj foje kaj foje tostis por amikeco kaj neforgesebla renkontiĝo. Post vespermanĝo komencis amuza vespero. Samideanoj kantis kaj dancis gaje. En ĥoro "Neforgesebla ĉinokto" finiĝis la vespero.

Nokte en gastejo mi konatiĝis kun sinjoro Mo, samideano el urbo Wuhan, li estas ordinare aspekta sed entuziasma. Pro la sama ideo ni tuj forgesis lacecon kaj babilis per Esperanto. De li mi sciis multon pri la zigzaga vojo de li irita, kaj anektodojn pri E-movado. Ni ĝoje babilis ĝis la 3a matene. Kvankam estis la unua fojo por mi partopreni en tia aktivado, tamen ĉio, kion mi vidis profunde kortuŝis min. Ni ĝoje kunvenis ne nur por la lingvo mem, sed por la granda idealo, kiun kreis nia majstro Zamenhof.

Dum la kunloĝado la dentdoloro multe turmentis min. Sciiĝinte pri mia doloro, sinjoro Fu Yongjun, loka samideano tuj alportis al mi medikamentojn. Antaŭe ni ne konatiĝis, tamen lia afableco kaj frateco varmigis mian koron. Dankojn al kara sinjoro Fu!

Feliĉa tempo ĉiam ŝajnas mallonga. Tagmeze de la 26a, reveninte de la ekskurso, ni tagmanĝis en tetrinkejo, kaj baldaŭ venis tempo por disiĝi. Ni manpremante adiaŭis. Ĝis

Wuhan venontfoje!



## Kiam Batos Hor' de Mia Morto

**Yu Guangzhong**

Kiam batos hor' de mia morto
min enterigu inter
la Rivero Flava kaj Janzi-rivero
kaj surkusenigu mian kapon
kun grizblankaj haroj sur nigran grundon.
En Ĉinio, la plej bela, patrineca lando,
mi endormiĝu trankvile, sur la tuta vasto
ambaŭflanke sonas rekviemo el al du riveroj
kiel du eterne-vivaj muzikiloj, torentantaj
orienten
La plej larĝa , la plej indulgema lit' ĝi estas
kie unu kor' kontente dormas kun profundaj
pensoj
iam juna ĉino
en la fridigita Miĉigan' rigardis okcidenten
tra mallumo por aŭroron serĉi en Ĉinio
per okuloj siaj kiuj vid-fiksiĝis sur ŝin sep dek
jarojn
avideme kovris li la mapon, de la Okcidenta
Lag' al Taihu Lago
plue al turtplena Chongqing, kvazaŭ li
rehejmenirus.



elĉinigis Yang Fang

## Araneaĵo

**Yu Guangzhong**

krespusk' similas araneon insideman
kiu vadante akvon nin atakas
kaŝeme movetante siajn krurojn
sur la kvieta maro ne troviĝas spuro ĝia
neniu scias kien surbordiĝos ĝi
jen kiam turnas nian kapon ni returnen
tuj ni konscias nin kaptataj
falantan en senliman grizan reton ĝian



elĉinigis Hongjia

## La Homoj kun Sklaveca Personeco

**Zhai Yujia**

Kio estas sklaveca personeco? Ni povus imagi la scenon ke la sklavoj ŝvitege laboregas pelate de la vipo de la mastroj en la sklav-socio. Ĉiam, kiam la mastroj mallevas la vipon aŭ foriras, la sklavoj ĉesas labori, kaj malstreĉigas sin. Tial, la mastroj pli kaj pli intensigas superrigardon, kaj la sklavoj devigite obei silenteme.

La intenseco de laboro pliiĝas. Do, laŭrezone la sklavoj postulus rajton por ripozi. Tamen ĝenerala opinio estas, ke tia ago celas bonecon ne por individuoj solaj, sed por ĉiuj sklavoj. Tial neniu el ili volontas iniciati. Finfine, iu elstaras kontraŭ la mastroj, por ĉiuj, kaj ankaŭ por si mem. Sed la aliaj sklavoj rigardas lian agon perfida, senmorala. Iuj el la sklavoj intencas flati la mastrojn, kaj tuj forvendas la ribelulon. Deposte, neniu kuraĝas postuli de la mastroj la rajton ripozi. Je la fino, la sklavoj ne plu povas toleri la kruelecon, kaj kune mortigas la mastrojn. Tio ĝuste estas la revolucio de sklavoj.

La personeco de sklavoj estas ombra kaj duflanka. Estintaj longtempe pelataj de vipo, neniuj ajn kuraĝas eldiri sian malfeliĉon. Ili scias nur toleri pasive, ne povas fari ion aktive. Ili tenas la mallaboremon kiel la plej grandan feliĉon en la ĉiutaga vivo. La sklavoj akceptas sian sorton, kontentaj pri "stabila sklaviĝo". Post kiam ili estis liberigitaj, la plej malamatoj de ili ne estas la mastroj, sed estas Lincoln k.a., la liberigintoj. Laŭ la vidpunkto sklava, la liberigintoj ja estas malamindaj. La sklavoj jam kutimiĝis al surgenuiĝado, la liberigintoj,

kiel Lincoln, tamen devigas ilin stari. Ĉu tiu ago ne estas la provo devigi simiojn piediri kiel homoj?

Ili ne scias agadi aktive, ne kuraĝas posedi propran opinion, kaj tial ne troviĝas racio en ilia cerbo. Pelate de vipo, ili devas senkondiĉe fari ĉion, kion la mastroj postulas. La digno, personeco... For! Sed kiam iu sklavo emancipiĝus, enmanigus la vipon, li estos multe pli kruela ol la antaŭa mastro sia. Tio ĝuste estas "sklavo pelas sklavon ĝismorte".

La longtempa laborado kaj malfeliĉega vivo kutimigas ilin al mallaboremo. Ili rigardas la mallaboremon kiel plej ĝustan konduton. Kaŭze de la konfuzita koncepto pri "feliĉo", ili male ne estimas la aktivajn homojn. Ili ne nur ne aktive strebas al feliĉa vivo, sed ankaŭ mokas tiujn, kiuj kuraĝas strebi. Ilia ombra menso ruĝigas ilian vizaĝon vidante alies feliĉon. Mi loĝas en eta gubernio. Kiam mi dancis publike, mia ago malĝojigis multajn homojn, kiuj opiniis, ke mia dancado estas senmorala. Miaj amikoj kaj kolegoj, vidante min dancanta, ĉiam flankeniĝis, kvazaŭ ili timus infektiĝi de ia terura viruso.

Laŭ la koncepto de la sklavoj, "la vivo similas al seksatencateco, se neeblas protesti, do ĝuu tion." Ilia filozofio estas, ke la koksoj estas denaske destinita esti batataj. Esti batata signifas ilian feliĉon. Sen esti batataj de aliaj, ili vivus nekomforte. La mastroj emas inciti malpacon inter sklavoj por fortigi sian regadon. En Antikva Romio, ekzistas dueloj inter sklavoj por amuzi la mastrojn.

Ĉiu homo havas propran personecon, ankaŭ ĉiu grupo sian. Ofte formiĝas sklaveca personeco ene de longe subpremata kaj sklavigita nacio. Tiu personeco multe dependas de la vivanta cirkonstanco. Depost la Song-dinastio, Ĉinio estis regata kaj subpremata de eksternacioj, kaj tute perdis sian dignon. Sed kiam la antaŭaj sklavoj reprenis la kronon, ili pli kruele subpremis la popolon. La popolo vivis eĉ pli malfeliĉe ol kiam ili estis regata de eksternacioj.

Post kiam la nacioj estis subpremataj milojn da jaroj, ili gajnis sklavecan personecon. Ili ne plu volas progresi, opiniante, ke ĉio ekzistanta estas racia; kaj la nomata neracieco estas kaŭzita de tio, ke ili ne povas adaptiĝi. Ĉio servas al la boneco de regantaro. Ili rigardas la malican aspekton sankta; ili timas kaj eĉ respektas la ĉantaĝadon. Ili reverencas al ĉiuj fremduloj, kaj bojas al ĉiuj samnaciuloj. Ili ne povas malestis eĉ unu minuton de la "sanktaj instruoj". Ili ankaŭ ne povas kaj ne kuraĝas dubi la leĝecon de la "sanktaj instruoj", des malpli esperi la ŝanĝon de la nuna situacio. Ili ne partoprenas en politikaj aferoj. Ili cedas tion al minoritato registanta.

Sklavecaj homoj atribuas la kaŭzon de sia malfeliĉo al la invado de eksternacioj, nekonfesante sian senscion kaj stultecon. Ilia nura konsolo estas la "brila pasinteco", la historio, ke homoj estis pelataj al konstruado de Granda Muro. Kiam temas pri la radika kaŭzo de sia sklaveco, ili ofte sin konsolas per la abundeco kaj profundeco de sia kulturo. Tio rezultas de manko de penso, saĝo kaj kreemo. Ilia penso estas firme regata de tiranoj. Ili ne pensas pri progreso, blinde obeas kaj laŭdas la diktatorecon, klopodas esti sklavoj eternaj. El tia homamaso produktiĝas nur la socio miksita de sklaveco kaj krueleco, sed neniam naskiĝas granda penso kaj grandioza plano de konstruado.

tradukis **Nigra Okulo**

◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊

**Eldonas Redakcio de *Penseo***
**Ĉefredaktoro: s-ro Yida Wei (Vejdo)**
**Adreso: Fremdlingva Fakultato, Nanhai Kolegio de Sud-Ĉina Normala Universitato, Nanhai, Guangdong 528000, Ĉinio**
**Tel: (0757) 6366253 (hejme)**
**E-poŝto: vejdo@elerno.net**
**Ĉiujn kontribuaĵojn al la ĉefredaktoro.**

_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_